# LA CELOJ DE ATEO

# ATEISTA TUTMONDA ESPERANTISTA-ORGANIZO

1. *Kunligi Esperantistajn ateistojn kaj liberpensulojn.*

2. *Disvastigi Esperanton inter ateistoj.*

3. *Defendi propran egalrajtecon kaj kontraŭi trudadon de religio en neutralajn Esperanto-grupojn.*

4. *Instigi ĉe neŭtralaj Esperanto-grupoj, ke oni egale varbu por Esperanto ĉe nereligiaj grupoj se oni varbas ĉe religiaj grupoj.*

5. *Akceli racian pensmanieron en Esperantujo kaj pri Esperanto mem kaj strebi altigi la intelektan kaj kulturan nivelon de Esperantujo.*

6. *Libere diskuti kaj analizi ateismajn movadojn, politikojn, kaj filozofiojn kaj ĉiajn rilatajn sociajn problemojn.*

7. *Malkateni la mensojn!*

# ENHAVO

# Komunikaĵoj de la Prezidanto

## Pri Ĉi Tiu Numero

La emfazo de ĉi tiu numero estas regiona. Aperas raportoj el kaj pri diversaj mondpartoj. Plejparte ili indikas la socian ligitecon de religio. Ĉu vi jes aŭ ne konsentos la vidpunktojn esprimitajn, mi esperas ke vi ja konsentas, ke estas absurdaĵo diskuti religion kaj ateismon izole, senkonsidere de sociaj kaj politikaj kuntekstoj.

Ni faras gravan paŝon komencante amikan filozofian-religian dialogon kun afrikanaj Esperantistoj. En la saman rubrikon ni metas artikolon pri nova humanista organizo de usonaj negroj. La nova termino uzata de eminentuloj estas "afrikanaj usonanoj," kiu anstataŭas antaŭajn terminojn "nigrulojn," "negrojn," ktp.; do ni ĉi tie konsideros negrajn usonanojn kiel afrikan popolon.

Ĉiuj scias pri la mondskuaj ŝanĝoj kiuj okazas en orienta Eŭropo. Kune kun sociaj, politikaj, kaj ekonomiaj ŝanĝoj, okazas religiaj ŝanĝoj kiuj plej ofte ne estas pozitivaj kaj kiuj indikas ideologian kaj socian regresemon. Ni bezonas pluajn kaj pli detalajn raportojn de orienteŭropaj Esperantistoj mem; dumtempe ni okcidentanoj provizos niajn proprajn analizojn. Mi scias kun certeco, ke nek la okcidenta nek la orienteŭropa gazetaro publikigas ĉiujn gravajn faktojn kaj vidpunktojn pri tio, kio okazas en orienta Eŭropo. Tial mi menciis la sovetian intelektulon Boris Kagarlitsky [kagarlitskij], kies vidpunkton kaj la usona kaj la sovetia hegemoniuloj volas silentigi.

La historio kaj problemaro de la du socisistemoj, inkluzive de la rilatoj inter religio kaj politiko, ne estas tute kongruaj, kiel evidentiĝas per la artikoloj el la du Germanioj. Mi esperas, ke ni lernos unu de la alia kaj atingos maturan tutmondan perspektivon.

Mi volas nun diri ĝenerale, ke malgraŭ nia kvanta kaj kvalita limigiteco pro nesufiĉaj financoj kaj kontribuantoj, ni fieru pri la enhavo de nia revuo. Mi aŭdacus diri, ke laŭ la diverslandaneco de niaj aŭtoroj kaj raportoj kaj laŭ la diverseco de niaj temoj kaj vidpunktoj, ni havas la plej internaciecan ateisman revuon en la mondo. La kvalito de *ATEISMO* finfine dependas de viaj kontribuaĵoj, do ekverku, kaj verku pripense kaj serioze. Ni ne ricevas reagojn al la enhavo de *ATEISMO* dum longa tempo, do verku tiatemajn leterojn. Male ol pluraj aliaj fakaj esperantistaj entreprenoj, ni estas seriozaj pri la kvalito, nivelo, kaj utilo de tio, kion ni faras. Ne temas pri ia hobieca, memgratula ekzerco nur por aperigi ion en Esperanto, kaj ne temas pri utopia revado; ni celas ekspluati la tujan, aktualan potencialon de Esperanto kiel internacian komunikilon de seriozaj ideoj. Ni esperas, ke vi dividas nian celon.

## Demisio de Estraranoj Massen kaj Peto por Volontuloj

Pro personaj kialoj Ges-roj John kaj Minerva Massen devas demisii (vidu pagon 20). Ili daŭros helpi en organizaj aferoj dum ioma tempo. Mi estas la sola restanta estrarano, kaj mi estonte devas sole produkti kaj eldoni ĉi tiun revuon. Tri personoj ne efike povis fari ĉion en ATEO; unu homo povas nek fari ĉion nek certigi la futuran viveblecon de

ATEO. Pli ol laŭ nome plenigi postenojn de vic-prezidanto, sekretario, kaj kasisto, ni bezonas volontulojn-estraranojn kiuj helpos pri la konkreta laboro de produktado kaj dissendado de *ATEISMO* kaj kiuj prizorgos iom da organiza kaj koresponda laboro. Kun kunlaborantaro kaj pli granda financa bazo, ATEO ne nur povos daŭre funkcii, sed ni povos ampleksigi nian agadon, inkluzive de ekstera agado, ekz. membriĝo en la Internacia Humanista kaj Etikista Unio. Niaj fervoraj membroj Roland Schnell kaj Martin Lavalee jam verkis artikolojn pri ATEO en nacilingvaj revuoj.

Oni diskutos ĉi tiujn kaj ceterajn organizajn aferojn dum nia aferkunsido ĉe la Universala Kongreso en Kubo. Kiel eble plej baldaŭ, bonvolu skribi al mi se vi volas proponi vin aŭ alian kiel estraranon aŭ helpanton.

## Produktado kaj Dissendado de la Revuo

Por ŝpari kostojn, dum longa tempo ni serĉis esperantistan kuneldoniston en Eŭropo kiu povus presi kopiojn de *ATEISMO* kaj dissendi ilin al eŭropanoj. Ni pensas aparte pri la nepagipovaj landoj de orienta Eŭropo, kiuj kostas al ni multon sed pagas neniom. Orienteŭropa agento povus presi, dissendi, kaj agi kiel peranto de abonoj. Ni trovis presiston en Litovio kiu volontis ankaŭ esti peranto por Sovetunio, sed ni perdis kontakton kun li, eble pro lastatempaj eventoj.

Ni ankoraŭ celas geografie distribui la multobligadon kaj dissendadon de *ATEISMO*. Se vi povas tiel kontribui, pri presado, multobligado, kaj/aŭ dissendado (t.e. servu kiel unu centra punkto), bonvolu kontakti min laŭeble baldaŭ.

Krom la menciitaj dezirataĵoj, estus utile se iu(j) helpus redakti manuskriptojn. Plej helpus volontulo kiu havas mikrokomputoron, specife IBM-kongruan. Mia ekipaĵo ne estas tiom altnivela kiel tio de Ges-roj Massen, kaj plue mi ne volas resti la eldonisto dumvive, do estus bone trovi iun kiu eventuale anstataŭus min kiel eldoniston.

## Financaj Bezonoj kaj Abonkotizoj

ATEO ne ricevas sufiĉajn enspezojn por mem financi la eldonadon kaj dissendadon de *ATEISMO*, se ne diskuti aliajn elspezojn. Plejparte subvencias la aferon niaj demisiantaj estraranoj kaj eldonistoj Ges-roj Massen. Ili daŭros finance helpi dum tempo, sed ni devas sendependiĝi kaj plene financi nin mem kiel eble plej baldaŭ. Komprenheble, helpos la aferon ampleksiĝo de la paganta abonantaro. Tamen, ni devas konsideri diskute pliigon de nia tre malmultkosta abonkotizo.

Se ni pliigos la abonkotizon, ne konvenos unu kotizo por ĉiuj, ĉar la meza persono de ĉiu lando havas malsaman ekonomian vivnivelon. $8 po jaro (16 gld.) estas bagatelo eĉ por mizera usonano, sed tio eble estas granda sumo en alia lando. Do ni verŝajne bezonos laŭlande proporcian kotizsistemon, kian havas UEA. Kelkaj aliaj fakaj asocioj kotizigas sian membraron je fiksa procento de ties kotizo por UEA.

Plue, eble utilus pluaj kategorioj de membreco por instigi mondonacojn (ni jam ricevis donacojn de kelkaj membroj), ekz. membroj patronaj, dumvivaj, ktp.

Ni diskutos la alternativojn pli precize ĉe la Universala Kongreso. Tiuj kiuj ne partoprenos, bonvolu skribi viajn sugestojn kaj dezirojn al mi nun.

## La 75a Universala Kongreso en Kubo, 14-21 julio

**Neniu el ni estraranoj povos partopreni la Universalan Kongreson en Kubo.** Usonanoj ĝenerale ne rajtas laŭleĝe vojaĝi al Kubo pro la stulta kontraŭkuba politiko de nia registaro. Tial, ni elektis fidindan membron de ATEO kiu volontos prezidi ĉe la kunsido de ATEO.

Ni ne ankoraŭ (1990-06-20) ricevis el UEA anoncon pri la dato, tempo aŭ loko de la kunsido de ATEO ĉe la Kongreso. Ĉiuj, kiuj ĉeestos, devas trovi la kunsidon pere de la programo.

Espereble, estos bona diskuto inter la ĉeestantoj!

## Korespondpetoj

Mi ricevas ofte korespondpetojn, sed plejofte temas ne specife pri ateismo; estas korespondemuloj kiuj celas ĝeneralan aŭ aliteman korespondadon kun mi, kun usonanoj, aŭ kun ajnaj Esperantistoj. Kutime tiajn petojn mi transdonas al la neŭtrala movado, unue al la Esperanto-Societo de Vaŝingtono. Mi ne povas persone pritrakti tiajn petojn. Sed, se vi estas ateisto kaj abonanto de ***ATEISMO*** kaj vi volas korespondi kun aliaj ateistoj (liberpensuloj, sekularaj humanistoj, ktp.), sendu anonceton al mi kaj ni publikigos ĝin en ***ATEISMO***.

# GRAVAJ ANONCOJ

## Pri Internacia Adresaro

Ni planas baldaŭ eldoni Internacian Adresaron kun nomoj kaj adresoj de ĉiuj, kun "IA" sur la poŝtetikedo de la koverto kiu enhavas ĉi tiun numeron kaj estontojn numerojn de ***ATEISMO***. Ni aperigos la adresaron en estonta numero de ***ATEISMO***. La celo, kompreneble, estas faciligi korespondadon inter legantoj de ***ATEISMO***.

Se IA aperas sur via poŝtetikedo, vi informis nian estraron frue, pere de Demandaro en 1988 aŭ de letero poste, ke vi volas ricevi ATEO-an adresaron kaj ke vi volontas havi vian nomon en ĝi.

Se vi ne deziras havi vian nomon en la Internacia Adresaro, bonvolu informi min tuj, kaj IA ne aperos sur via poŝtetikedo estonte.

Se nun IA ne aperas sur via poŝtetikedo, kaj se vi deziras ke via nomo estu en la Internacia Adresaro, bonvolu informi min tuj, kaj mi aldonos vian nomon kaj IA aperos sur via poŝtetikedo estonte.

## Pri Landaj Listoj

La kodo "LL" nun aperas en la poŝtetikedo de ĉiu, kiu antaŭe informis nian estraron ke li/ŝi estas volontaj ke la nomo/adreso aperu en Landa Listo kun nomoj nur de la sama lando. La celo, kompreneble, estas faciligi korespondadon kaj kunsidojn en tiu lando de legantoj de ***ATEISMO***.

Se LL nun aperas, kaj se vi ne deziras ke via nomo aperu en Landa Listo, bonvolu informi min tuj, kaj mi forstrekos "LL" el estontaj poŝtetikedoj.

Se nun LL ne aperas, kaj se vi deziras ke via nomo aperu en Landa Listo, bonvolu informi min tuj.

## Afrikanaj Usonanoj por Humanismo, de Ralph Dumain

Lastatempe fondiĝis nova grupo de negraj humanistoj en Usono: Afrikanaj Usonanoj por Humanismo. La fondinto, Norm Allen, Jr., laboras ĉe eldonisto **Prometeo**, kiu eldonas humanismajn, ateismajn, kaj kontraŭsuperstiĉajn librojn kaj la revuojn ***Free Inquiry*** [Libera Enketado] kaj ***Skeptical Inquirer*** [Skeptika Esploranto].

En la printempa numero de ***Free Inquiry*** aperis nova "Afrikan-Usonana Humanista Deklaracio." En ĝi menciiĝas diversaj konceptoj pri la kaŭzoj de la problemoj de negraj Usonanoj kaj strategioj por ties emancipiĝo. Oni bezonas kritikan, racian, kaj humanecan starpunkton por pritrakti ĉi tiujn kaj aliajn problemojn. Ĉar kleruloj diskutadis la socion kaj historion el eŭropocentrisma vidpunkto, malmultaj scias la kontribuojn de negroj al la humanisma tradicio. Rasismo influas la tutan socion, inkluzive de humanistaj rondoj. Nun oni klopodas larĝigi la mondbildon de humanistoj kaj allogi negrajn usonanojn al humanismo.

Historie, la eklezioj estas la plej influaj institucioj en la negraj komunumoj, kaj negroj estas fervoraj kredantoj. Pastoroj pretendas havi solvojn por sociaj problemoj. Malgraŭ multa progreso dum kelkaj jardekoj, seriozaj problemoj restas kaj aperas novaj. Oni devas atenti la neceson de kritika pensado por socia progreso. Oni tro fidis je karismohavaj gvidantoj. La Deklaracio mencias la problemojn de nedezirata gravediĝo, misuzo de alkoholo kaj drogoj, ekonomia progreso, transplantado de organoj, memdependeco, kaj unueco.

La nova organizo celas: batali kontraŭ rasismo, envicigi afrikocentran perspektivon en tutmondan perspektivon, agnoskigi la kontribuojn de afrikanoj kaj afrikdevenuloj al la mondo cele al instigi memestimon inter negraj usonanoj kaj montri la gravecon de ĉiuj popoloj en la evoluo de monda civilizacio, instigi bonan konduton per aplikado de racia kaj scienca pensmaniero, helpi solvi problemojn per edukado kaj memfido, starigi memhelpajn grupojn kaj aliajn humanismajn aktivaĵojn por progresigi la negran komunumon, kaj emfazi la gravecon de edukado, inkluzive de humanisma morala edukado kaj kritika racio.

Nun mi aldonos miajn proprajn pensojn. Unue, oni demandos, kial ekzistu aparta grupo por negroj. Por respondi tiun demandon, nepras ekzameni du facetojn de la problemaro: (1) la rilatoj inter negroj kaj usonaj institucioj, (2) la rolo de religio en negra socio. Pro nia historio ekzistas (almenaŭ) du apartaj kulturoj: la blankula kaj negra. Negroj amase partoprenas en la ĝeneralaj usonaj institucioj dum apenaŭ pli ol du jardekoj. Eĉ en tiuj situacioj en kiuj blankuloj ne ekskludas negrojn aŭ eĉ volas inkluzivi ilin en siaj organizoj, persistas aparteco pri la spertaro, kulturo, socitavolo, historia konscio, vidpunkto, pensmaniero, interesoj, kaj prioritatoj de la du homgrupoj. Por ke iun interesu io, tio devas havi ian rilaton al ies vivo, bezonoj, kaj historio. La usona subkulturo de ateismo kaj humanismo ne respegulas la kondiĉojn de la negra vivo.

Plue, religio kaj eklezio havas specialan ligitecon kun negra socio

kaj ties institucia strukturo, pli ol kun eĉ la plej religia blankula grupo, pro la historio de sklaveco kaj rasapartigo. Eĉ en laboristaj blankulaj komunumoj, la eklezio ofte ludas centran rolon, sed en la negra komunumo, la eklezio historie estis la sola institucio kaj bazo por organizado. Dum la sklavepoko oni organizis eskapojn kaj ribelojn en negraj preĝkunvenoj kaj eĉ uzis siajn religiajn kanzonojn kiel sekretan kodon por plani eskapojn al libero. Dum la rasapartiga epoko, kiam oni ekskludis negrojn el la profesioj, la universitatoj, kaj ĉiuj postenoj kaj okupoj krom la plej malaltaj kaj ŝvitigaj, kaj dum en la suda Usono negroj ne rajtis eĉ pruntepreni librojn el publika biblioteko, la negra eklezio servis kiel la ĉefa institucio por kleriĝo, profesiiĝo, rangaltiĝo, kaj suprenirado al la meza kaj (et)burĝa klasoj. Tial multaj negraj gvidantoj kaj eminentuloj devenas el la pastoraro. Ankoraŭ aktuale, multaj negraj politikistoj inkluzive de registaranoj, estas pastoroj.

La eklezio restas centro de socia vivo kaj politika organizado de la komunumo. Ĝi provizas strukturon por morala vivo kaj emocia subteno, kaj estas estimata kiel alternativo ol la ĥaoso kaj senmoraleco de la stratvivo.

Estas plua konsiderenda faktoro: en la preĝejoj de negraj laboristoj kaj kamparanoj, evidentas ke ties speco de kristanismo estas afrika religio de afrika popolo. En Usono malsamkiel en aliaj amerikaj sklavkolonioj, la sklavestroj tute kaj totalisme detruis la afrikan kulturon de siaj sklavoj, sed afrikaj kulturaj kvalitoj travivis en usonaj formoj, kiel plej frapas en muziko, danco, parolritmo, ktp. La etoso de negra preĝejo ne estas griza, senpasia, senviva tedaĵo kia troviĝas en multaj preĝejoj de blankulaj Protestantoj; male, oni trovos emocipurigon, spiritajn ekstazojn, ekscitan kaj ritmozan kantadon kaj muzikon: t.e. Afriko travivas en malsama vesto. Temas ne pri iometa moralisma masaĝado, sed pri instrumento por inspirigo, entuziasmigo kaj kuraĝigo, ne per la nura koncepta enhavo de biblia doktrino sed per la kultura formo de esprimado kiu estas neelradikigebla. Kompreneble, tia energio povas esti sekularigata, kiel jam okazis en muziko kaj danco.

Finfine, estas la faktoro komuna al ĉiuj subpremataj popoloj: religio estas la opio de la homamaso, kiel skribis Karl Marx. Ju pli da mizero, ju pli da ekonomia kaj fizika degenero de negraj kvartaloj, des pli ekaperas sur ĉiu stratangulo novaj etaj krudaspektaj preĝejoj.

Kiu ne pripensas la socian kaj politikan historion kaj realon de la situacio, tiu neniam sukcesos amase rekruti negrojn al la ateista kaj sekular-humanista movado. La ĝisosta burĝeco de la usona humanista movado, kiu atentas nur la problemojn de propra etburĝa klaso, malebligas ties sukceson en negra komunumo eĉ inter mezklasaj negroj.

Sed ĉu ne iam ekzistis negraj ateistoj, liberpensuloj, kaj humanistoj kiuj estis ankaŭ eminentuloj? Jes ja, sed la historiaj faktoj ne estas ĝenerale konataj en ĉi tiu prihistorie analfabeta lando. La plej famaj tiaj homoj, ekz. la sindikatestro A. Philip Randolph kaj la verkisto Richard Wright, vivis en pli frua parto de ĉi tiu jarcento, kaj agadis ekster la eklezio, kiam viglis aliaj, sekularaj

institucioj: la laborista kaj socialista movadoj, al kiuj ili apartenis. Nur kelkaj scias ke Randolph estis ateisto kaj socialisto, kaj oni ne publikigos tiun fakton, ĉar ateismo kaj socialismo estas tabuaj en Usono. Kiam oni parolas pri la historio de la negra liberiga movado, oni parolas plejparte pri la rolo de pastoroj kaj eklezioj, kies kontribuo plej videblas.

Mi opinias, ke la promociado de ateismo, liberpensismo, kaj sekulara humanismo inter negroj estas la plej grava bezono de la ateisma movado en Usono, kvankam malmultaj (eĉ malmultaj negraj ateistoj) samopinias. Malkonvenas ke la plej progresema kaj demokrata forto en usona socio estas regata de la plej reakciaj kaj kontraŭdemokrataj mondbildoj kaj institucioj.

La situacio en la negraj gettoj estas pli malbonaj kaj senesperaj ol en la 1960-oj. Rasaj interrilatoj estas danĝere malbonaj. Ĉar Reagan sukcesis detrui la socialdemokratan ideon, mankas kredeblaj ideoj krom la "novkonservatismo," t.e. la totala regno de la merkato (kiun regas monopola kapitalo).

En tia ĉi etoso, kie mankas espero solvi problemojn per socialdemokrataj rimedoj, la burĝa naciismo kreskas pli ol iam ajn inter la negroj, kiujn manipulas la burĝaj kaj etburĝaj ideologoj kiuj regas negrajn komunumojn, plejparte la pastoroj. Oportunismaj naciismaj negraj faŝistoj (ekz. la antisemitisma islamano Louis Farrakhan) ricevas multan atenton, ne nur en negraj medioj, sed nun en la tutlandaj amaskomunikiloj. Antaŭnelonge Farrakhan aperis je la televido plurfoje dum unu semajno, do mi konkludas, ke la usona reganta klaso decidis uzi lin por plu malamikigi kaj apartigi la negrajn kaj blankulajn laboristojn. Do oni havas ion kiu neniam antaŭe ekzistis: kulto kaj subkulturo de faŝismo en la negra komunumo.

Nun estas la kriza kaj ĝusta tempo organizi kampanjon por raciaj kaj humanismaj valoroj. Mi konas la fondinton S-ron Allen kaj vigle subtenas lian entrenprenon. Lin tiom stimulis miaj ideoj, ke li invitis min verki ĉapitron por lia prilaborata, aperonta libro: la unua ajna libro pri la historio de uson-negra liberpensismo kaj humanismo.

**Bibliografia Noto:** Aperis la jenaj ĉi-temaj artikoloj en *Free Inquiry*, vol. 10, n-ro 2, printempo 1990: "African-Americans for Humanism" [p. 4-5], "An African-American Humanist Declaration" [p. 13-15], "Rational Centre of Ghana" [Centra Oficejo por Raciismo en Ganao] [p. 15], "How much influence can humanism have on Blacks?" [Kiom humanismo kapablas influi je negroj?] de Norm Allen, Jr. [p. 16], "The quest for humanist values" [La serĉo por humanismaj valoroj] de Ishmael Jaffree [p. 17], "Black Athena: an interview with Martin G. Bernal (pri libro *Negra Atena: La Afrik-aziaj Radikoj de Klasika Civilizacio*) [p. 18-22]. Rigardu ankaŭ pluajn artikolojn de Norm Allen, Jr. en aliaj numeroj de *Free Inquiry*: somero 1989 (vol. 9, n-ro 3): "Humanism in the Black community" [Humanismo en la negra komunumo]; aŭtuno 1989 (vol. 9 n-ro 4): "Growing toward unbelief" [Kreskante al nekredo]; vintro 1990 (vol. 10, n-ro 1): "The African-American community needs secular humanism now" [La Afrikan-usona komunumo bezonas sekularan humanismon nun].

## Dialogo kun Afrika Esperantisto

Dialogas Ralph Dumain (RD) kaj D-ro Akwasi Osei (AO) de Ganao

**RD**: Kiuj religioj elstaras en via lando?

**AO**: Ganao estas ĉefe kristana lando.

**RD**: Ĉu afrikaj registaroj (ekster Norda Afriko) utiligas la religion por manipuli aŭ trompi siajn popolojn?

**AO**: Ne. Male la popoloj iam uzas religion por rezisti al siaj registaroj. Tio estas, fidante je ilia religia unuiĝeco, oni povas efektive defii la registarojn.

**RD**: Kiom enpenetras Afrikon la scienca pensmaniero kaj skeptikismo pri nesciencaj ideoj? Kiom kaj kia estas konkurado inter scienca mondbildo kaj religiaj ideoj?

**AO**: En Afriko ĝenerale, la nivelo de edukado estas malalta. Inter la instruitaj komunumoj, ja scienca pensmaniero enpenetris, sed inter la aliaj kiuj estas bedaŭrinde la plimulto, superstiĉo abundas, aparte rilate al malsano. Rilate al religio, kiel ie ajn, oni opinias ke scienco ne povas unuiĝi kun religio. Mi opinias malsame.

**RD**: Mi estas admiranto de afrika kulturo, kaj mi eĉ studis afrikan muzikon dum tempo, sed ĉiam ĝenis min la trudo de religia metafiziko kiu ligiĝas kun afrikaj kulturaj aferoj.

**AO**: La afrikano estas esence homo religia. Kiel diris Johano Mbiti, la vivo de la afrikano estas tute ties religio kaj ties religio la vivo. Eble vi emas pensi ke tio bremsas nian materialan progreson. Se jes, mi pretas aŭskulti vin.

**RD**: Estas du specoj de superstiĉoj, la naturaj kaj sociaj. En ekonomie kaj teknologie evoluintaj socioj, kiujn konstruis scienco, la superstiĉoj pri naturo bagatelas, sed la superstiĉoj pri la socio abundas kaj plej danĝeras. Ekz., la plejmulto de usonanoj ne komprenas la esencan funkciadon de propra socia sistemo. La plej grava faceto de religio estas ĝia rilato al politiko. Religio estas la ilo de mensmanipulado kaj trompado. Nia malracio detruas nin, kaj la ceteran mondon. Se la civitanoj de ekonomie, teknologie, kaj informe riĉa Usono ne kapablas pensi racie, ili ne rajtas kritiki la barbaran feŭdalisman islamon.

Mi ne kompetentas juĝi, kiom la indiĝenoj afrikaj religioj kaj superstiĉoj malhelpas la materialan progreson. Mi opinias, ke pli grava problemo estas, ke religioj malhelpas socian-politikan progreson, la konstruon de justa kaj racia socio. Tiurilate, eble la indiĝenaj afrikaj religioj ne multe malhelpas krom la vira ŝovinismo kiu subpremas la inojn, ekz. la dehako de la klitoro kiel okazas en partoj en Afriko. La plejaj obstakloj al socia progreso venas de la imperiismaj religioj, islamo kaj kristanismo. Islamo estas reakcia feŭdalisma vivmaniero kiu baras socian progreson; ĝi estas esence kontraŭdemokrata. Katolikismo estas esence la sama. Ĉiuspeca kristanismo estas la ilo de usona kaj eŭropa imperiismo. Kristanismo kaj islamo ege malhelpas Afrikon; pri tio mi konsentas kun la senegala verkisto Ousmane Sembene, kiu kulpigas tiujn religiojn en sia filmo "Ceddo."

Mi pensas, ke la futuro aparte-

nos al la tria mondo. Se jes, la tria mondo devos kapti la plej avangardajn, profundajn, kaj progresemajn ideojn por sukcesi kaj por eviti la jaman fuŝadon de la homaro.

**AO**: Via vidpunkto ke la futuro apartenos al la tria mondo aparte interesas min.

**RD**: Ŝajnas, ke afrika filozofio ankoraŭ spertas identokrizon. Afrikaj filozofoj multe ŝvitas pri difinado de la apartaj trajtoj de afrika filozofia skolo, pri aparta mondbildo, pri programo, kaj tiel plu. Mi mem pensas iom malsame, kaj mi komparas la afrikan situacion kun aliaj precedencoj, kiam neeŭropaj popoloj kontaktiĝis kun eŭropa civilizacio, ekz. la judoj, ĉinoj, japanoj, ktp. Mi pensas, ke freŝa perspektivo kaj energio pli gravas ol provo difini novan apartan metafizikon nur por esti aparta kaj malsama.

Ekzemple, Spinoza tute revoluciigis eŭropan filozofion, eĉ la filozofion de Descartes kiun li pruntoprenis kaj transformis. Mi kredas, ke Spinoza kapablis fari tion ĉar li estis judo, kaj portis diferencan perspektivon al la materialo de eŭropa filozofio kiu devis tiutempe alfronti la sciencan revolucion.

Kion vi pensas pri tio? Kion vi pensas pri la dezirinda evoluigo de afrika filozofio, kaj pri afrika kontribuado al aŭ utiligo de moderna "okcidenta" filozofio?

**AO**: Mi tute konsentas kun vi, ke minoritatoj pasinte kaj aktuale multe kontribuas al intelekta penso kaj vivo. Sekve oni devas helpi evoluigi afrikan filozofion. Oni povas nomi ĝin "okcidenta" filozofio aŭ io ajn sed tio ne gravas. Aktuale oni ne povas distingi inter okcidentaj kaj orientaj pensoj, do se Afriko povas kontribui, tiu kontribuo estas por homara penso, ne nur por okcidenta filozofio.

**RD**: Kiam mi skribis al vi pri la rilatoj inter la genio de afrika kulturo kaj tradicia religia metafiziko, mi diris: "se oni povus apartigi la substancon de la afrika genio for-de ĝia tradicia metafiziko kaj eltrovi por ĝi modernan filozofion, oni povus renversi la mondon." Kion vi pensas pri mia diraĵo?

**AO**: Mi konsentas, ke se oni povus evoluigi afrikan filozofion oni povus renversi la mondon. Tamen mi ne konsentas kun vi, se vi diras ke ni devas "eltrovi por ĝi modernan filozofion," krom se via uzo de "moderna" signifas "evoluinta." Denove nenion mi havas pri la metafizik-penso mem, sed mi opinias ke tiu metafizik-penso devas evolui. Do, se ni povus evoluigi ĝin kaj perfektigi ĝin kaj nian filozofion, oni povus renversi la mondon....

Mi ja fidas je la afrika ebleco. Ekzemple vi miregos aŭdi ke troviĝas homo en Ganao kiu diras ke li havas kuracon por "AIDS," kaj nun komencaj esploroj de la Ganaa registaro montras ke lia aserto eble ja validas.

**RD**: Kia estas via propra starpunkto pri religio kaj ateismo?

**AO**: Vi pravas: multaj homoj kiuj fidas je dio kaj apartenas al iu religio estas fanatikaj kaj dogmemaj; pro tio ili ne povas racie kaj science defendi sian kredon. Tre malbone, kaj tiuĉi fakto necesigas elĵeton de religio kiel opion de popolamaso. Sed tiamaniere kelkaj ateistoj estas fanatikaj kaj dogmemaj .... Kio ajn mia kredo, mi ne estas dogmema; mi ne estas

fanatikulo; tute ne. Mi estas tutkore por paco tera do mi ĉirkaŭprenas tiun kiu promesas teran pacon. Do, se ateismo promesas tion al ni mi devus akcepti kaj rangaltigi ĝin.

Mi ne estas kristano; mi estas nek islamano nek budhisto; mi ne estas hinduo aŭ zoroastrano; plue mi tute ne estas sikho aŭ judo; mi estas nek sabeanano nek adepto de indiĝena afrika religio .... Esence mi estas ĉio, kaj ankaŭ mi estas nenio. Mi fidas je iu Dio kiu estas tute racia, kiu pretas esti raciigita el ekzisto se eblas kaj necesas. Vere, religio devas esti racia, komplete scienca. Fakte, tia Dio estas iu kiun oni povas provi per la sensoj kaj scienco en provtubo.

Mi ne fidas je la dio je kiu multaj religiuloj kredas. Tia dio estas kreita de homo, kiel Spinoza kaj Feuerbach jam diris. Tia dio estas 'Granda Paĉjo Supre' kiun Episkopo Robinson el Woolwich repudiis je 1963 en sia verko ***Honeste al Dio***. Rilate al tia dio mi fiere estas ateisto, sed rilate al scienca kaj racia dio mi estas teisto.

**RD**: Ĉu via di-koncepto intime ligiĝas kun via filozofio "fenomena nihilismo"?

**AO**: Mia teorio de "fenomena nihilismo" ne ligiĝas kun mia dio-koncepto .... La teorio postulas ke absolute nenio ekzistas! .... Ekzisto estas iluzio .... Se oni diras ke Dio kreis ĉion, ĉu estas sufiĉe racie diri ke Dio mem estas eterna? Se oni diras ke Dio ne ekzistas, kiel ekzisto mem aperis? .... Vivo similas al tre longa revo .... al filmo, al teatraĵo, al imago .... Ateisto (kiel vi) opinias ke li ekzistas sed Dio ne ekzistas. Fenomena nihilismo (la nerealeco de fenomeno) diras ke la ateisto mem ne ekzistas.

**RD**: Via priskribo de scienca dio iom rememorigas min pri la vidpunktoj de Spinoza kaj Einstein kaj la deistoj kiaj Thomas Paine. Bonvolu klarigi vian koncepton pri Dio kaj pri ties rilato al (ne)ekzisto.

**AO**: Tion mi faros venontfoje.

[La dialogo daŭros.]

## Pri Orienta Eŭropo: Enkonduko, de Ralph Dumain

Ni publikigas laŭeble raportojn de niaj legantoj el orienta Eŭropo, kaj ni bezonas pluajn novaĵojn pri tiu rapide ŝanĝiĝanta mondregiono. Kiam ni decidas ne publikigi iun kontribuaĵon, la kialo estas ofte manko de bezonataj detaloj, do verkontoj bonvolu provizi adekvatajn detalojn en viaj artikoloj. Ni ne ricevis sufiĉajn respondojn al nia alvoko por artikoloj pri la religiaj aferoj en la nuna epoko de glasnosto kaj perestrojko, do bonvolu ekverki. Ni bezonas vian perspektivon, ĉar orienta Eŭropo estas kvazaŭ tute alia mondo kompare al Usono, kaj reciproka kompreno de alies spertoj ne estas ĉiam facila.

La propaganda maŝino de la usonaj amaskomunikiloj jubilas pro la "morto de komunismo." Tamen, usonaj progresemuloj reagas mikse al novaĵoj el orienta Eŭropo. Preskaŭ ĉiuj bonvenigas glasnoston kaj ties demokratiigon de komunikado, esprimado, kaj politika vivo, sed multaj ne reagas favore al la multaj ŝanĝoj de perestrojko kiuj rezultigas la restarigon de kapitalismo kaj kapitulacion al usona financkapitalo,

kiu sekvigas ankaŭ perfidon de la triamonda lukto kontraŭ usona agresado. Sovetia intelektulo kaj maldekstra opoziciulo Boris Kagarlitsky (kiun mi intervjuis en Novjorko en aprilo), kiu estis enkarcerigita dum la Breĵnjeva reĝimo, nomas la novan ekonomian doktrinon de la Gorbaĉova epoko "merkata stalinismo."

Mi legas kun ĉagreno novaĵojn pri interetnaj konfliktoj en Sovetunio kaj alie, pri la kresko de dekstrulaj organizoj, pri senkaŝa kreskanta antisemitismo, kaj kompreneble pri religiaj aferoj, eĉ la plej abomenindaj, ekz. la akcepto de usonaj dekstrulaj televid-evangeliistoj kiaj Jimmy Swaggart. Dum orienta Eŭropo liberiĝas de kontraŭdemokrata burokrata rigideco, ŝajnas ke oni tre naivas pri la kapitalisma mondo kaj lernis nenion dum la pasintaj 45 jaroj. Vi orienteŭropanoj jam eksklaviĝas al la Internacia Mon-Fonduso kaj baldaŭ ekĝuos la statuson de triamondecaj kolonioj de Usono kaj okcidenta Germanio (post engluto de GDR).

Ideologie, ŝajnas al eksterulo, ke la orienteŭropa mondparto restis senmova dum jardekoj kaj ĝiaj internaj kontraŭdiroj estis subpremitaj, kaj nun ĝi ekmovas denove kun mensostato neevoluinta depost 1945. Evidente, "efektive ekzistanta socialismo" bankrotis pli ol eĉ la okcidentaj propagandistoj reklamis, kaj la popolamasoj ignoradis ĉion el la oficiala ideologio. Nun ŝajnas ke multaj orienteŭropanoj emas repreni siajn glorajn antaŭsocialismajn tradiciojn: t.e. faŝismo kaj antisemitismo.

Ni lernas ankaŭ kiaspecaj estas la novaj gvidantoj, aparte tiuj inspiritaj de katolikismo, kiuj anstataŭas la ĵus forigitajn burokratojn. Lech Walesa, gvidanto de la pola sindikata opozicio, kiu hieraŭ luktis (en kunlaboro kun la klaskunlaboranta usona sindikataro kaj spioninstanco CIA) kontraŭ la mizero sub la jugo de burokratio, hodiaŭ administras la mizerigan programon de la Internacia Mon-Fonduso por la transnaciaj kapitalistoj. Vaclav Havel, kiu kuraĝe alfrontis la stalinismajn burokratojn, sklave humiliĝas antaŭ la papo ("la vivanta simbolo de civilizacio") kaj la usona registaro. Mi legis, ke la Ĉeĥoslovaka registaro invitis Pinochet, la faŝistan estron de Ĉilio, kiel ekonomian konsilanton. Havel antaŭnelonge prelegis antaŭ la usona parlamento, kie li diris la absurdan aserton ke pensado determinas estadon (ne inverse) al la aprobo de la filozofie analfabetaj parlamentanoj. Kia bela idealismo; ni nun perceptas, kian "vivstilon por la venonta jarmilo" planas la papo por Ĉeĥoslovakio. Usona financkapitalo provizos la senlaborecon kaj ekonomian vampirumadon, kaj la kapitalista papo provizos la spiritajn valorojn kaj konsolojn.

Oni devas analizi, kiel fiaskis ne nur la antaŭa sociordo, sed ankaŭ la oficiala ideologio. Mi jam faras ampleksan esploron pri la falsigo kaj vulgarigo de marksisma filozofio sub stalinismo. Esperantlingva resumo de mia vidpunkto troviĝas en mia artikolo "Por Deborin: Internacia Intelekta Kunlaboro en la Epoko de Glasnosto" (***Internaciisto***, marto-aprilo 1990, p. 12-13). Anglalingva filozofia revuo ***Nature, Society, and Thought*** ĵus publikigis debaton pri marksisma filozofio inter mi kaj malnovstila filozofia burokrato de Ĉeĥoslovakio.

Cetere, mi volas nur mencii vid-

punkton de Leon Trockij, speciale ĉar 1990 estas la 50-a datreveno de ties murdo fare de stalinista agento. Trockij iam komentis, ke religio estas la produkto de mistero kaj senpovo, ĉu prinatura ĉu prisocia. Religio persistas en Sovetunio ĉar la socia sistemo de stalinismo havas mistifikan qvaliton kaj instigas la sentojn de fremdiĝo kaj senpovo en siajn viktimojn. Trockij ankaŭ prediktis, ke la sovetia reganta burokratio, se iam necesus, adoptus merkatan ekonomion prefere ol likvidi sin, prefere ol meti tutan potencon (ankaŭ ekonomian) en la manojn de la laborista klaso.

Jen la fruktoj de la historio.

## La Papo Vizitas Ĉeĥoslovakion

de Mary Battiata, tradukis Ralph Dumain

(Noto: Ĉi tiu traduko ĉerpas el artikolo en ĵurnalo Washington Post, 1990.04.22, p. A31)

Prago, 1990.04.21: Papo Johano Paŭlo II, vizitante orienteŭropan landon unuafoje ekde la kolapso de komunismo, kondamnis la komunisman idealon kiel "tragikan utopion" sed admonis siajn kamaradajn slavojn, ke ili ne forlasu spiritajn valorojn dum ekonomia kaj politika integriĝo kun la cetera mondo. "Civilizacio ne povas baziĝi sur limigita vizio pri la homo," diris la papo en Prago. "Sen sento de transcendeco, ia ajn kulturo restas senforma fragmento, kiel la nekompleta Babelturo."

Ĉi tiu estas la unua vizito de iu ajn papo en Ĉeĥoslovakio. Dekmiloj da civitanoj, pluraj plorantaj, surstratiĝis laŭ la 14-mejla vojo al Praga Kastelo por aklami la papon. Poste, proksimume 300 000 homoj kuncelebris meson sur kampo dum pluvoŝtormo.

La papo deklaris sian mision rekonstrui la Eklezion post kvar jardekoj da la plej severa kontraŭeklezia subpremado en iu ajn orienteŭropa lando. Li diris al katolikaj estroj de Ĉeĥoslovakio ke ilia ĉefa tasko estas evangeliismo kaj revivigo de la pastraro. La venonta jardeko estu "trejnperiodo por nova vivstilo por la venonta jarmilo."

Prezidento Vaclav Havel, kiu invitis la papon, nomis la papan viziton "miraklo": "La kuriero de amo venas al lando ruinigita de ideologio de malamo; la vivanta simbolo de civilizacio venas al lando ruinigita de la regno de sovaĝuloj; la kuriero de paco .... venas al lando ruinigita de la ideo de divideco kaj konflikto en la mondo." Havel, kiu devenas de katolika tradicio, kunvenis private kun la papo dum kiu li neformale konfesis kaj ricevis papan benon.

La komunista registaro antaŭe oficiale registradis pastrojn. En 1988 estis nur du episkopoj; nun estas 22. Ses el la novaj episkopoj komencis en la subtera Eklezio dum la komunista regno.

La Vatikano ĵus restarigis diplomatajn rilatojn kun Ĉeĥoslovakio. Jam iniciatiĝis rilatoj kun Hungario kaj Sovetunio, kaj oni povas anticipi diplomatajn rilatojn kun aliaj orienteŭropaj landoj.

Protestantoj nun maltrankvilas pri la katolika influo en la ĉeĥolslovaka ŝtato. Vicĉefministro Jozef Hromadka, Protestanta teologo, laŭraporte diris, ke monoliteca komunismo ne estu anstataŭigata de monoliteca katolikismo.

## Raporto el Ĉeĥoslovakio, de Vaclav Tobiaŝek

(Antaŭnoto: S-ro Tobiaŝek raportis pri politikaj novaĵoj en sia lando kaj menciis establon de multaj politikaj partioj kaj asocioj. Li tradukis por ni ĵurnalartikolojn; en unu iu avertas kontraŭ troa adorado de kapitalismo; en alia iu misuzas sciencon por pravigi religian kredon. Ni publikigas liajn informojn pri religiaj aferoj.)

Nehaltigeble efektiviĝas kaj propagandas sian agadon diversaj kristanaj societoj. Mi ĵus legis propagandan afiŝon kun la jena teksto:

"Kristana Junularo de Adventistoj de la Sepa Tago invitas ĉiujn junulojn al la unua interparolado: 'NI SERĈAS JESUON.' Nur Li montras al ni la ĝustan vojon al vero, amo, kaj moralo."

Nun mi troviĝas ĉe la kerno de la problemo. Ĉu ili volas vere ion malbonan? Mi diskutis ĉi tiun temon kun unu kredanto kaj mi devas diri, ke li estas tre pacama, humaneca, kaj morala homo; li nur havas alian mondkoncepton. Li estas mia majbaro en sama etaĝo. Li estas bonkonduta kaj respektinda homo.

Unu el liaj filinoj estas kredanto, la alia ne. Kial? La kuracistino servas en hospitalo da longtempaj malsanuloj kaj tro ofte rigardas la vizaĝojn de suferado kaj morto. La kristana kredo plifaciligas ŝian malfacilan servon. Ŝi akceptiĝas denove monaĥinojn-flegistinojn, ĉar ili havas tute sindonan rilaton al daŭre suferantaj pacientoj. Post jaro 1948, la monaĥinoj-flegistinoj estis eliminitaj el ĉiuj hospitaloj. La Kruco fariĝis neakordigebla kun la Ruĝa Stelo.

Mi neniam kredos je Dio, sed ĝi fariĝas laŭmoda en mia lando kaj mi devas alitaksi miajn rilatojn al ĉi tiu problemaro, ĉar la religiismo estis silentigata dum la multaj jaroj de la totalisma reĝimo. Ekleziaj havaĵoj -- vere historiaj memorindaĵoj -- estis detruitaj kaj ties renovigado kostos multegan monon. La malutiloj faritaj interne de homaj mensoj estas eĉ pli grandaj. Tial multaj homoj transiras al kredo je Dio, ĉar tio pretendas provizi daŭrajn valorojn. La aktuala religiisma situacio en nia lando trairos sian kulminan fazon kaj stabiliĝos. La danĝero de plivastigado de la religiismo nun konsistas el spontana, amasa aliĝado, el kio multaj aliĝuloj nek konas Dekalogon nek scias klarigi motivojn de siaj decidoj.

Miaopinie, nuntempe antaŭtimas la nekredantoj, kiel evidentas en mia traduko de artikolo el ĵurnalo ***Ruĝa Rajto*** (1989.12.28):

"ASOCIO DE ĈEĤAJ LIBERPENSULOJ ESTIS FONDITA: Prago: La pliprofundigado kaj disvastigado de materiisma mondkoncepto fariĝas ĉefa celo de Asocio de Ĉeĥaj Liberpensuloj, ŝatokupa socia organizo kiu iniciatis sian agadon en Prago. Ĝi aliĝas al riĉaj tradicioj de humanismo kaj materiismo en la historio de la homaro, al heredaĵo de liberpensaj kaj senkredaj societoj en la mondo kaj en la historio de nia lando. Ĝi volas aktive kontribui al disvastigo de humanisma, materiisma mondkoncepto inter niaj civitanoj. Ĝi ankaŭ volas fari senĉesan mondkonceptan interpa-roladon. Ĉi tiu organizo tre interesiĝos pri la sociopolitike aktivaj religiaj organizoj, speciale

se ili konsiderus la rajtojn kaj liberojn de nekredantoj kaj nereligiemaj civitanoj."

En nia lando naskiĝis tute nova situacio kaj oni devas konsideri la demandon, kion ni volas. Plimulto el ni preferas liberopinian, liberpensan, pacaman, kaj pluralisman socion konstruendan laŭ la fundamentoj de humanismo, demokratismo, egalrajteco, kaj moraleco. Pasinte estis subpremata kaj persekutata kaj la kredantaro kaj la nekredantaro. Mi vivis en unuforma socio dum mia tuta 40-jara vivo; nun mi devas ŝanĝi miajn kutimojn kaj ellerni vivi kaj pensi per aliaj manieroj pri politiko kaj ekonomiko.

## Enketo: Tri Demandoj Pri Religio

de Anatolij Surnakin (Sovetunio)

Kun tiu titolo ruslingva revuo Scienco kaj Religio (n-ro 7, jaro 1989) publikigis artikolon pri enketoj en Moskvo (M) kaj en usonaj urboj Boston (B), Detroit (D), Novjorko (NY) kaj San Francisco (SF). Autoro de la artikolo V. Marinov diris, ke la enketoj okazis en decembro 1988, kaj tri el la 100 demandoj temis pri religio. Plue, Marinov klarigis, ke la enketon en Moskvo organizis la Instituto de Sociologo ĉe la Akademio de Sciencoj kaj tiujn en Usono du firmaoj. En Moskvo, 1000 homoj respondis al la pertelefona enketo. Per la uzita metodo la rezultoj ĝustas je +/-3%. En Moskvo oni krome enketis pri partieco, do en la sekvanta tabelo oni trovos ciferojn aparte por KPSU-anoj kaj por senpartiuloj (S/P). Ne ĉiuj respondis al la demandoj pri religio, do la procentoj ne sumiĝas je 100%. La signo "--" signifas, ke informoj en usonaj urboj mankas.

| La demandoj | La respondoj | M | KPSU | S/P | B | D | NY | SF |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Kian rolon ludas religio en via vivo? | gravan | 4 | 1 | 5 | 36 | 48 | 44 | 38 |
| | sufiĉe gravan | 9 | 4 | 11 | 37 | 37 | 30 | 28 |
| | ne gravan | 19 | 8 | 22 | 19 | 11 | 15 | 19 |
| | nenian | 61 | 81 | 54 | -- | -- | -- | -- |
| Ĉu vi kredas je postmorta vivo? | jes | 7 | 2 | 8 | 68 | 73 | 63 | 67 |
| | ne | 82 | 89 | 79 | 20 | 17 | 25 | 20 |
| Kiel vi rilatas al Dio? | Dio ekzistas | 10 | 3 | 12 | 83 | 90 | 82 | 78 |
| | ne scias | 34 | 19 | 36 | 14 | 7 | 13 | 18 |
| | Dio mankas | 43 | 68 | 37 | 3 | 2 | 4 | 4 |

## Ni petas pardonon por prokrasto de ĉi tiu numero

Ni tre bedaŭras ke ĉi tiu numero de *ATEISMO* prokrastiĝis dum du semanoj, ĉar okazis neantaŭvideblaj problemoj de komunikado inter du komputiloj de S-ro Dumain kaj S-ro Massen.

## Pledo por Helpo en GDR

de Dirk Bindmann (Germana Demokrata Respubliko)

Kiel raportita en ATEISMO 1:3, fondiĝis antaŭ jaro nova liberpensula asocio en GDR. Tiun lanĉis kelkaj eminentuloj de kulturo kaj scienco, kiujn sekvis multaj personoj. Kaŭzo estis la tiama monopola pozicio de la kristanaj eklezioj, (a) ebligi politikajn agadojn ekster la ŝtata partio (Socialisma Unuiĝinta Partio), kaj (b) rilate al animzorgado. Dum duonjaro la liberpensula asocio povis organiziĝi bone laŭ landaj, distriktaj, subdistriktaj, kaj urbaj strukturoj; la civitanoj trovis niĉon politikan. En oktobro okazis socia ŝanĝo al perestrojko. Ekde tiam kelkaj estraranoj de la socio ne plu opinias ke necesas ilia laboro. Tio kaŭzis eĉ la nuligon de kelkaj subdistriktaj strukturoj.

Tial mi skribas. Ankaŭ en mia subdistrikto nuliĝis la liberpensula grupo, kaj la distriktaj estraranoj petis, ĉu mi, Esperantisto, povus efektivigi kontakton kaj kunlaboron kun ATEO. Ni urĝe bezonas spertojn de aliaj organizoj el la tuta mondo. Kun sugestoj skribu al: Dirk Bindmann, Max-Benkwitz-Str. 34a, Zeitz, DDR-4900.

Noto de la Prezidanto: Ni pretas kunlabori laŭeble kun enlandaj ateistaj, liberpensulaj, kaj humanistaj asocioj. Tiuj, kiuj havas ideojn por helpi pri la specifa organiza problemo de S-ro Bindmann, bonvolu skribi al li kaj/aŭ al mi.

## Hipokrita Funebro Pri Senkulpaj Infanoj

de Roland Schnell (FR Germanio)

Laŭtan proteston kontraŭ abortado ordonis la germana konferenco de episkopoj por la 28-a de decembro 1989. Ne 5 minutojn, kiel kutime, sed 15 minutojn eksonu la sonorilojn tagmeze en ĉiuj katolikaj preĝejoj "por memorigi kaj funebri pri la morto de la nenaskita vivo," klarigis la iniciatinto, arkepiskopo Johannes Dyba [johanes diba] el Fulda.

Protesto kaj rezisto kontraŭ ĉi tiu ordono tuj ekestis inter kaj la katolikuloj kaj la maldekstra, ateista publiko. Diversaj asocioj de liberpensuloj en FRG intencis akiri tribunalan malpermeson de la sonorilado, pro "akustika polucio" kaj "misuzo de kulta sonorilado por politikaj celoj." La dua argumento kongruis kun la opinio de kristanaj kaj katolikaj kritikantoj. Laŭ la eklezia kalendaro la 28-a de decembro estas la "festo de la senkulpaj infanoj," kiu memorigas pri la historie ne pruvita okazaĵo, ke reĝo Herodo, eksciante pri la naskiĝo de iu Jesuo, estonta reĝo de la judoj, ordonis la mortigon de ĉiuj hebreaj infanoj por likvidi eventualan pretendonton al sia trono. Gudrun Hamacher [hamaĥr], estraranino de la sindikato de metallaboristoj (IG Metall) kritikis, ke la katolika eklezio metas la virinojn, kiuj estis devigataj aborti, sur la saman nivelon kiel la murdiston Herodo.

En la diocezo de Kolonjo la 928 preĝejoj kaj kapeloj senkompate funkciigis siajn sonorilojn dum la tutaj 15 minutoj, sed en la Protestanta Berlin la episkopo kaj kardinalo Joachim Meissner [joaĥim meisnr] ne nur duonigis la tempon, sed ankaŭ nur la malplimulto de la paroĥoj pretis partopreni. Antaŭ la baziliko

Sankta Johano tagmeze kunvenis grupo de manifestaciantoj, kiuj supersonis la sonorilojn per bruo produktata per potoj, hupoj, trompetoj, kaj aliaj muzikiloj kaj bruigiloj. Diversaj radiaj kaj televidaj stacioj informis pri la protesto, kiu estis organizita de la berlina landa asocio de la liberpensuloj. Subtenis la proteston la partio "Alternativa Listo AL," kiu formas kun la socialdemokratoj la registaron de Berlin.

Per anoncoj en la ĵurnaloj, la Alternativa Listo, sia parlamenta frakcio, kaj aliaj grupoj atentigis pri la provo de la katolikaj episkopoj "morale ŝovi virinojn, iliajn partnerojn kaj gekuracistojn, kiuj praktikis abortojn en la malpravaflankan pozicion." En sia parolado Ingeborg Renner, estrino de la liberpensuloj, atentigis pri la fakto, ke la katolika eklezio persistas laŭ siaj antikvaj ideoj pri moralo, kiuj estas malamikaj al virinoj kaj sekso. La katolika doktrino permesas seksajn interrilatojn sole por generi infanojn, la homa vivo komencas dum la procezo de generado, kaj kontraŭkoncipiloj estas malpermesataj. Eĉ edzoj infektitaj de AIDS ne rajtas uzi kondomon.

Tial, en la manifestacio kontraŭ la sonorilado estis egale esprimata la postulo ke viroj kaj virinoj ĝuu seksumadon sen risko de nedezirataj infanoj, per la apliko de diversaj kontraŭkoncipaj metodoj, kaj la postulo nek kondamni nek puni virinojn kiuj (eble pro manko de tiutemaj informoj) post serioza pripensado decidis rezigni pri bebo ĉar sentas sin malpova garantii dignan infanceon kaj edukon al ido. Parolantoj menciis la malakordan starpunkton de la katolika eklezio, kiu laŭte protestas kontraŭ la "morto de la nenaskita vivo" sed facile akceptas la mizeron de vivaĵoj postnaske. Oni rememorigis pri la dumiljara sangoplena historio de la kristana religio, kiu neniam hezitis mortigi herezulojn kaj paganojn, partoprenis en militoj, kaj ĝis hodiaŭ benas armilojn por la sankta batalo kontraŭ la racio.

Al tiuj katolikuloj kiuj arogas kompari la aborton kun la mortigo de judoj per la germanaj faŝistoj, Ingeborg Remmers demandis, kiam kaj kie katolika sonorilado protestis aŭ rememoris pri la sistema ekstermado de naskitoj. Milionoj da infanoj tutmonde mortas pro malsato kaj malsano kaŭzata de maljusta ekonomia ordo. Samdirekten celis la demando el katolikaj rondoj, kiuj miris, ke la eklezio neniam dum la lastaj 40 jaroj memorigis dum la tago de "senkulpaj infanoj" per sonorilado pri la milionobla mortigo de judoj, ankaŭ la gentanaro de David, en germanaj koncentrejoj -- amasmortigo kiu estis tolerata, se ne subtenata, de la papo Pius XII.

## Peniga Laboro en Nederlando, de Rejna de Jong

Ekde 1974 estas la oficiala starpunkto de la Nacia Konsilantaro por la Hospitaloj (Nationale Ziekenhuisraad) en Nederlando, ke hospitalo respondecas pri la tuta prizorgado de la paciento, inkluzive de la spirita. La pacientoj mem pagas por tio, pere de malsanuleja kaso aŭ privata asekuro (preskaŭ ĉiu nederlandano kontribuas). Tamen ne en ĉiu hospitalo la paciento havas liberan elekton. Ankoraŭ ofte la taskon plenumas nur ekleziuloj (pastroj kaj pastoroj). Humanistaj konsilantoj nur pene kon-

keras por si lokojn. Ili tute dependas de la decidoj de la hospitalaj direktoroj, kiuj ofte ne rekonas la rajton kaj la bezonon. Plurfoje aŭdiĝas: "Ni havas ĉi tie tre bonan pastoron. Kiam li parolas kun nereligiuloj, li ellasas Dion." Ke la vivkoncepto de nereligiuloj estas tute malsama, oni ne komprenas ... aŭ ne volas kompreni. Tamen, malgraŭ nekompreno kaj nevolo, la nombro de la humanistaj konsilantoj en la hospitaloj kreskis de 50 en 1981 al proksimume 80.

## Autaŭ la Kreitaro

de F.K. Donnelly, elangligis Viktoro Epa (Kanado)

**Scenejo**: La ĉiela planadoficejo
**Tempo**: Antaŭ la komenco de la tempo

**Ĉiela planadburokrato (ĈPB)**: La sekvanto!! LA SEKVANTO!!

**Kliento (K)**: Nu, mi? Ĉu estas mia vico?

**ĈPB**: Ke venu la sekvanto! Rapidu, alie ni ne povos fini ĉiujn el la hodiaŭaj traktendaj mendoj.

**K**: Jen mi. Estas ja mia vico.

**ĈPB**: Bone. Kion vi volas?

**K**: Mi volas aprobilon aŭ permesilon, aŭ kion ajn oni bezonas por la nova universo kiun mi kreos.

**ĈPB**: Estas ja por tio ke ni deĵoras ĉi tie. Sed vi devos respondi kelkajn simplajn demandojn. Temas precipe pri teknikaj aferoj kiujn ni bezonas por niaj arkivoj. Unue, ĉu ĝi estos universo kunmetita el fizika materio?

**K**: Jes. Fizikan universon mi deziras.

**ĈPB**: Konsentite! Unu fizika universo. (Ekster aŭdebleco: Kiom enua kaj banala. Mi tre preferas mendojn de nefizikaj konstruaĵoj.) Nu, ĉu tiu universo estos limigita aŭ senfina?

**K**: Do, senfina estas ja pli granda, ĉu ne? Jes, mi volas la senfinan, kaj mi volas ankaŭ ke la fizika materio estu ege maldense dispersata en senfinan spacan universon.

**ĈPB**: Komprenite. (Ekster aŭdebleco: Estas vere strangulo. Se li daŭrigos tiamaniere li ekhavos permesilon por grandega malplena spaco.) Nu, ĉu ĝi estos kun aŭ sen vivaĵoj?

**K**: Mi pardonpetas? Kio...

**ĈPB**: Ĉu ĝi havos vivoformojn? Ĉu kun aŭ sen vivaĵoj?

**K**: Hmmm ... Nu bone ... jes ja ... Bone. Kun vivaj estaĵoj. Fakte, mi volas milionojn da vivformoj.

**ĈPB**: (Ekster aŭdebleco: Min vere ĉagrenas tiuj kiuj atendas sian vicon kaj ankoraŭ ne scias, kion ili volas.) Ĉu inteligentaj estaĵoj aŭ ne?

**K**: O, jes ja. Mi deziras nur unu inteligentan vivoformon.

**ĈPB**: Ĉu estos tute liberaj tiuj inteligentaj vivoformoj, aŭ ĉu ili devos konduti laŭ iu antaŭdestinita maniero?

**K**: Nu, jes ja, tio estas iomete komplika afero, sed mi volas antaŭdestinigi ĉion en tia universo, inkluzive de la libera volo de la inteligenta vivoformo.

ĈPB: (Ekster aŭdebleco: Strange, strangege, sed mi supozas ke ĉiuj specoj ekzistas.) Nu, ĉu tiuj inteligentuloj scios ke vi estas ilia kreinto?

K: Certe. Sed, repensante la aferon, ne tute. Unue ili tion scios, sed post multe da tempo iuj el ili forgesos.

ĈPB: Kian formon ili havos?

K: Simila al la mia, kompreneble. Mi deziras ilin laŭ mia bildo. Mi estos ilia dio.

ĈPB: (Ekster aŭdebleco: Estas ja tio, kion ĉiuj volas nuntempe. Vantemo kaj ĵaluzo regnas super ĉio.) Kion, specife, havos viaj inteligentaj kreitoj la liberon por fari?

K: Bone. Por elekti aŭ la bonon aŭ la malbonon, laŭ la normoj kiujn mi establos por ili.

ĈPB: Kio okazos post kiam ili faras sian elekton?

K: Jes, mi pensas pri sistemo de rekompensoj kaj punoj. Ĉu mi rajtas amendi mian originalan mendon de tute fizika universo?

ĈPB: Certe. Nur atendu ĝis kiam mi trovos novan formularon.

K: Bone. Mi pensas ke mi sendos tiujn kiuj elektos la malbonon al loko trans la fizika universo kiun mi nomas "INFERO" kie ili estos devigataj suferi eternan damnadon, turmentantajn dolorojn, kaj senfinan punadon. Tiuj kiuj elektos la bonon iros al alia loko, ankaŭ nefizika -- atentu -- kiun mi nomas "PARADIZO" kie ili vivos por ĉiam en perfekta beateco, paco, kaj feliĉo. Eble mi bezonas iom da helpo por ĉi tio; la afero komplikiĝas. Eblas ke mi bezonas kelkajn spiritajn estaĵojn kiuj iĝos miaj helpantoj.

ĈPB: (Ekster aŭdebleco: Tio estas pli interesa, sed ege stranga.) Ĉu mi skribu sur vian mendilon, ke vi volas la kutiman mendon de anĝeloj, spiritoj, fantomoj, ktp.?

K: Jes. Tio adekvatos.

ĈPB: Bone. Mi pensas ke ni finiĝas. Nun ni plenigu la mendilformulojn. Do la mendo inkluzivas unu senfinan, antaŭdestinitan, fizikan universon kun iuj nefizikaj aldonaĵoj, kun multaj vivoformoj el kiuj unu estas inteligenta, farota laŭ via aspekto kaj posedonta liberan volon. Ĉu prave?

K: Jes, konsentite. Estas pli malpli tia. Kion mi devas fari nun?

ĈPB: Portu ĉi tiun formularon al la kasisto tie. Pagu kaj ne forgesu ĝian stampiĝon. Vi devos ankaŭ konservi la kvitancon kaze de problemoj. (Ekster aŭdebleco: Kaj, kredu min, ĉiam okazas problemoj.) Nu, kiam ajn vi volos komenci, nur diru ĉi tiujn vortojn: "Estu lumo!"

Notoj:

Pardonpetojn al *Dialogoj pri Natura Religio* de David Hume, verkita 1751, publikigita 1779.

F.K. Donnelly estas profesoro pri historio ĉe la Universitato de New Brunswick, Kanado.

## ATEO-Insignoj

ATEO-insignoj estas haveblaj de Brita peranto Mark Palmer (vidu adreson sur interna dorsa kovrilo). La insignoj estas senpagaj, sed bonvolu sendi Internacian Respondkuponon por sendkosto (se ili estas aĉeteblaj en via lando.)

## **Pramemoroj**, de D.I. Matis (Sovetunio)

Mi naskiĝis la 18-an de majo 1914 en Orenburga regiono. Nia granda familio multe malsatis en la jaroj 1921-1923. Miaj gepatroj estis germanoj-menonitoj. Laŭ Dekaloga ordono en Biblio "ne mortigu" la menonitoj rifuzis akcepti armilojn. Pactempe ili devservis en forstodistrikto kaj dum milito ili servis kiel subflegistoj. La ĉefkuracisto de sanitartrajno kie mia patro servis dum la unua mondmilito estis la filino de L. Tolstoj. Eble pro tio, mia patro, reveninte de milito, komencis dubi la bibliajn dogmojn. Li estis predikisto kaj ofte disputis kun aliaj predikistoj. La Biblion li traktis laŭ sia opinio.

Dum la terura malsata periodo, la lernejo estis fermita, kaj en nia vilaĝo estis unusola alfabetumo. Tamen ni volonte lernis. Patro ankaŭ edukis nin al religio. Ni infanoj vizitis dimanĉan lernejon. Sed kiam niaj gepatroj trovis la tekston de "*Internacio*" sur la kovrilo de alfabetumo, tio estis la lasta guto superpleniminte la kalikon. Niaj gepatroj ne plu sendis nin en dimanĉan lernejon. Ili diris: Dio estas la naturo. En siaj disputoj kun kredantoj patro diris: "Se vi nomas Dion nia patro, do la terglobo kaj ĉio surtera estas la mastrumo de nia ĉiela patro. La deziro de iu ajn patro estas, ke liaj infanoj plibonigu kaj plimultigu kaj piriĉigu la mastrumon."

En tiuj jaroj okazis kontraŭreligia laboro. Ekzistis societo de sendiuloj kaj ties informa revuo Sendiulo. Unuvorte, oni ofendis la sentojn de kreduloj. Estis eĉ verkita kanzono, "kontraŭreligia Internacio." Kia blasfemo, profanado! Biblion niaj gepatroj respektis. Ili traktis ĝin kiel literaturan monumenton kaj kontraŭis tiajn "sendiulojn." Miaj gepatroj diris: "la homa racio devas iri antaŭ la dia."

Mi tute konsentas kun kamarado Pavlov (*ATEISMO* 1:3). Mi aldonas: nia dio estas EKOLOGIO. Neniu povas rompi la leĝojn de la naturo senpune.

## Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj

### de Peter A. Danning (Unuigita Regno)

Laŭ di-kredantoj, amoro estas abomeninda peko, krom inter geedzoj, kaj inter ili nur vere permesata koncipocele. Unu sekvo de ĉi tiu dogmo estas plurjarcenta kaj ankoraŭ iagrada kruela persekutado al samseksemuloj viraj kaj inaj. En iuj islamaj landoj, samseksemuloj suferas mortpunon se eltrovitaj, kaj malliberigon en kelkaj diktaturaj landoj, ekz. Rumanio (antaŭ la morto de Ceaucescu), Singapuro, Ĉinio, Kubo. Akcepton ili estas trovinta precipe inter ateistoj, kvakeroj, kaj lastatempe kelkaj kristanaj eklezioj (kun forta hezitemo).

**Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (LSG)** fondiĝis en 1977 kaj nun havas membrojn en 33 landoj. Por iuj ĝiaj anoj, ĝia revuo FORUMO estas la sola informilo pri samseksamaj aferoj en la mondo. LSG havas retojn de plumamikoj kaj gastigantoj por vojaĝantaj anoj.

Pluaj detaloj haveblas (laŭeble provizu internacian respondkuponon) de la sekretario:

Peter A. Danning; G/f, 68 Church Road; Richmond, Sy., TW10 6LN; Britio.

## Bibliografiaj Novaĵoj

Anonco kaj komento pri Bulteno de ATEO, *Laŭte!*, n-ro 77, junio-julio 1988, p. 31.

Cherpillod, Andre. ***La dioj de Izraelo: la vera naturo de la biblia dio.*** Courgenard, Francio: la aŭtoro, 1990. 24 p. Celas pruvi, per filologia ekzameno, ke la hebrea biblio temas pri dioj (elohoj), ne unu Dio, kaj ke tiuj dioj estis eksterteraj kosmonaŭtoj.

Dumain, Ralph. "Mallaŭdo de stulteco," ***La Kancerkliniko***, n-ro 53, januaro-marto 1990, p. 15. Kritiko de Erasmo kaj kulturpolitiko.

Luna, A. Lopez. "Iomete pri religio," ***Laute!***, n-ro 77, junio-julio 1988, p. 29-31.

Schnell, Roland. "Internationale athiestische Organisation im Esperanto-Bereich gegrundet," ***Diesseits***, n-ro 7, junio 1989, p.32-33 + resumo sur enhavpaĝo. Germanlingva artikolo pri ATEO en liberpensisma revuo. Dankon, Roland!

Vogelmann, Bruno. ***La nova realismo: la konsekvenco de la Nova Pensado.*** Antverpeno: Flandra Esperanto-Ligo, 1989. 185 p. "Nova" nedogmeca filozofio, kiu pretendas unuigi materiismon kun idealismon, kaj religion kun ateismo.

Wang Xiaotie. "Kial serĉi Dion?" [intervjuo al ĉina ateisto], ***Espero Katolika***, [n-ro ne konata], p. 30.

## Artikoloj, Kartunoj kaj Ŝercoj por Venontaj Numeroj

Evidente, ni bezonas kaj deziras artikolojn kontribuitajn de niaj legantoj kaj abonantoj, pri diversaj temoj rilate al ateismo, religio, kaj ŝtata-eklezia interrilato en via lando. Ni deziras taŭgajn kartunojn kaj ŝercojn. **Bonvolu sendi viajn kontribuojn baldaŭ!**

Ankaŭ, ni bonvenigos viajn leterojn pri *ATEISMO*, kaj ni penos respondi senprokraste.

**Vidu eksteran dorsan kovrilon por la estrara adreso!**

## Adiaŭ de Ge-Massens

Ni ĝuis nian laboron por ATEO, niajn personajn kontaktojn kun ATEO-anoj ĉe la Kongresoj de 1987, 1988 and 1989, kaj nian korespondadon.

Ni retiras el la estraro de ATEO pro kelkaj kialoj. Unue, ni havas 74 jarojn, ke vi deziras havi pli da tempo por distriĝoj. La ĉefa intereso de Minerva estas la ekologio, kaj la ĉefa intereso de Jako pri ateismo rilatas al Usono.

Ni deziras bonan sukceson al Ralph Dumain kaj *ATEISMO*, kaj esperas ke kelkaj personoj helpos lin.

Minerva Massen, Kun-Fondinto, Vic-Prezidanto kaj Kun-Redaktoro

John B. Massen, Eldonisto kaj Sekretario-Kasisto

**Metodoj pri Jarpago de Abonkosto por 1990**

---

**1. Pere de US$8.00 rekte al ATEO en Usono.** La plej bona rimedo estas sendo de ĉeko aŭ poŝtmandato, je nomo de "John B. Massen", kaj poŝtekspedu ĝin al: John B. Massen, 1525-A Day Avenue, San Mateo, CA 94403-1608, USA. Li daŭros kiel Kasisto ĝis aŭgusto, 1990.

---

**2. Pere de UEA.** Se la supro ne estus por vi oportuna, mendu la abonon pere de la abonservo de Universala Esperanto-Asocio. Pagu 16 guldenojn:

al nederlanda poŝtbankkonto 378964 (Den Haag) de UEA, aŭ

per internacia poŝtmandato al UEA, Niewe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederland, aŭ

per eŭroĉeko . . sur la dorsa flanko de kiu nepre estu via kartnumero.

**Ne forgesu sciigi al UEA ke la pago rilatas al mendo de abono al *ATEISMO*, konto ATEO-Y de ATEO.**

---

**Se "P90" aperas post via nomo sur la koverto en kiu ĉi tiu numero alvenis, la Sekretario-Kasisto ricevis vian pagon por 1990.**

**Aliaj: BONVOLU PAGI LA ABONKOSTON TUJ, SE EBLE.**

---

**3. NE pagipovaj landoj.** Ni ne ĝis nun povas aranĝi metodon por pago. Tamen, ni sendos ATEISMO-n al ĉiuj kiuj petas ĝin. Nepagipovanoj bonvolu laŭeble sendi je ekvivalenta valoro Esperantajn librojn, gazetojn,. ktp., por revendado; sendu al Ralph Dumain (vidu adreson dorsflanke).

---

**Perantoj de *ATEISMO***

**Britio:** Mark Palmer, 28 Westfield Road, Caversham, Reading RG4 8HH, Great Britain.

**Hispanio:** Luis Serrano Perez, Font Nova 32, E-08202 Sabadell (Barcelona), Hispanujo. 1.000 ptoj estas abono por 1990.

**Ni bezonas perantojn de aliaj landoj.**
**Bonvolu proponi vin mem al Sekretario-Kasisto.**

## La ESTRARO de ATEO
**Ateista Tutmonda Esperantisto-Organizo**

**Ralph Dumain**, Prezidanto, Redaktoro, kaj Kun-Fondinto
1629 Columbia Road NW, Apt. 615, Washington, DC 20009-3651, USA
Tel: 202 - 332-0589

**Manuskriptoj**

Ni bezonas kaj deziras artikolojn kontribuitajn de niaj legantoj kaj abonantoj, pri diversaj temoj rilate al ateismo, religio, kaj ŝtata-eklezia interrilato en multaj landoj.

Bonvolu sendi manuskriptojn al Ralph Dumain, preferinde tajpitajn kaj kun duoblaj-spacitaj linioj. Konservu ĉe vi kopion de via manuskripto.

Aŭtoroj rajtas uzi pseŭdonimojn. Ni senhezite akceptos tradukojn el klasikaj aŭtoroj kie ne ekzistas kopirajta problemo. Pri kopirajthava materialo, provu gajni permeson de la aŭtoro aŭ eldonisto kaj sendu al ni kopion de la skribita permeso.

Ni NE akceptos porreligian propagandon por nia revuo.

**Korespondado kaj Informpetoj**

Se vi anticipas ian ĝenon aŭ persekutadon pro ateisma agado, bonvolu mencii bezonatajn apartajn aranĝojn por vi. Se vi skribas permane, bonvolu skribe klare, aparte vian adreson.